AE177

# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

**PLENUMITA 09/08/2014 Cent sepdek sepa eldono 09/08/2014 SENDITA (unua eldono 26/09/2011)**

**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Nicole Else**



**SENDATA AL 275** La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon** **ABC malnova**

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisnunigitan informon **ABC nova**

Ctrl+alklaku la verdajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Esperantajn ligojn

Ctrl+alklaku la bluajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Anglajn ligojn

## Estontaj kompetentaj Esperantistoj aŭskultas la retradion ĉiun tagon http://members.aon.at/aldone/peranto/index.html

Klaku, Aŭskultu, Spertiĝu

## Genaro de tritiko deĉifrita



Esploristoj deĉifris grandan parton de la genaro de tritiko. Ili esperas ke tiel eblos ricevi pli abundajn rikoltojn, pli bonajn subspecojn, pli rapidan bredadon kaj pli da pano por la mondo.

Internacia grupo de sciencistoj deĉifris la genaron de la porpana tritiko. La genetika konstruplano ne nur estas grava rezerva fonto por plantosciencistoj kaj -bredistoj. La ekspertoj ankaŭ esperas ke la novaj ekkonoj kontribuos al tio ke tritiko estos kultivebla kun pli altaj rikoltokvantoj por la kreskanta monda loĝantaro.

Temas ankoraŭ pri malneta plano de la genar-sekvenco. La sciencistoj tamen nomas siajn rezultojn "mejloŝtono" por la ricevo de la kompleta sekvenco kiun ili intencas deĉifri ene de proksimume tri jaroj. Problemon ĉe la deĉifrado kaŭzas jam la grandeco: La tritika genaro havas 7 arojn da kromosomoj kaj ĝi ampleksas 17 miliardojn da konstruelementoj. Tiel ĝi estas 5-oble pli granda ol la homa genaro. La esploristoj analizis ĉiun kromosomobrakon unuope - la analizo de la tuto alportis tro da eraroj. Kvankam ankoraŭ mankas sekcioj, bredistoj jam nun povas profiti. "Ni scias pri la plej granda parto de la genoj, kion ili faras", diras genbiologo en Munkeno. Je la unua fojo nun disponeblas iloj por lokigi specifajn genojn

pri unuopaj tritikaj kromosomoj. Per tio dezirindaj ecoj povus esti trovitaj kaj esti uzataj celite por la bredado por ricevi subspecojn de la tritiko kiuj estos taŭgaj por estonta kultivado.

Ĝis nun oni atentis precipe pri grandaj kaj multaj grajnoj. "Pro la atentado je certaj eceroj aliaj eceroj estis neglektataj", diras la esploristo. Temas ĉe tio pri la infektiĝemo por parazitoj kaj bakterioj, rompiĝrezisto kaj klimata rezisto. Ekzistas grandegaj kolektoj da sovaĝaj specoj de tritiko. Oni volas nun igi utiligebla tiun rezervujon de genoj kaj kombini bazajn ecojn de la elitaj linioj kun ecoj kiuj troviĝas en la sovaĝaj specoj.

Tritiko estas apud rizo kaj maizo la plej grava nutraĵo por la kreskanta monda loĝantaro. Sed konstateblas stagno de la rikoltokvantoj. La agroĥemio ne plu povas helpi. Nun nur novaj bredoj de tritiko povas helpi. Por atingi tion la genanalizo helpos per mallongigo de tempo kiu necesas por la novaj bredoj.

## Pasintaj numeroj de 'Aŭstraliaj Esperantistoj'

Sur la **retpaĝo de AEA** http://aea.esperanto.org.au/australiaj-esperantistoj/?lang=eo

CRI Online http://esperanto.cri.cn/ Bona Esperanto Bonaj Programoj

## EsperantoTV

http://www.esperantotv.net/

## 31. LA GRAMATIKO DE ESPERANTO. La t.n. Participoj. D.



Ni rimarkis, ke en Esperanto la Adjektivaj Participoj ne indikas tempon, sed nur rezulton (-inta, -ita) aŭ antaŭvidon (-onta, -ota) aŭ nefinitecon (-anta, -ata). Ili do ne faras t.n. Aktivajn kaj Pasivajn Verbojn, sed nur statojn de Substantivoj. Por krei Verbojn, ni bezonas la verbajn finaĵojn –as, -is, -os, -u-, -us, aŭ –i. Tiuj sufiĉas por la Aktivaj funkcioj de verbo: ni simple aldonas unu el la ses al la verba radiko. Por la kaŭza funkcio, la kaŭzativo, ni devas unue aldoni ties sufikson, nome -igi. Por la Mediala Voĉo ni devas unue aldoni ties sufikson, nome –iĝi. Kaj por la Pasiva Voĉo ni devas unue aldoni ĝian sufikson, nome –ati (kiu ĉi tie nur signifas pasivecon, ne nefinitecon). Ni ja forlasis tiun duan signifon, de nefiniteco, per la Regulo de Sencreduktado, same kiel la substantivo "parolanto" k.t.p. reduktiĝas al nur persono. Ĉi tiuj Reguloj pri Neceso kaj Sufiĉo kaj pri Signiforeduktigo estas geniaj partoj de Esperanto. Jen kelkaj ekzemploj de la nova Pasiva Verbo: La hundo forte batatis (de la knabo). Ŝi punatus, se ŝi kulpus (sed ŝi ne kulpas, do ne punatas). Benatu de Dio! La kanceroj verŝajne neniam ekstermatos. La porkoj ne jam bezonas nutrati. La krimulo akompanatas de tri policanoj.

(sekvatos) Marcel Leereveld.

# AEA kongreso 2-11 januaro 2015

http://aea.esperanto.org.au/congress **Venu !**




## Estas senpaga donaco

**Kvankam ĝi estas bona lernlibro**
**LA CELO ESTAS PROPAGANDILO.**
**Same kiel Grandbutikaj broŝuroj.**

**Vizitu Esperanto-Domon kaj portu suficê da ekzempleroj al via klubo**
**EFNSK kontribuas por la presado, disvastigo.**


**ESPERANTO** has had continuous usage by an estimated 2 million plus speakers, for more than a century. It is by far the most widely spoken constructed international auxiliary language in the world.

Esperanto words are derived by stringing together prefixes, roots, and suffixes. This process is regular, enabling people to create new words as they speak.

Compound words are formed with a modifier-first, head-final, order, the same as in English. "birdsong" vs. "songbird".

What is a man eating shark?
(man eats.) **Viro manĝas ŝarkon.**
(shark eats.) **Viron manĝas ŝarko.**
The suffix ***-n*** is used to indicate the direct object, as well as showing movement towards.

3

En AE 176 estas skribite : informado estas pli efika kiam ĝi tuŝas la sentojn kaj emociojn de la homoj.

Jes ja ! Pasintan U3A-renkontiĝon, mi disdonis Ŝlosilojn al ĉiuj ; la reago estis tute malsama kompare kun la antaŭaj okazoj; kiam personoj vidis la buntan etan libreton ili ridetis, la okuloj brilis kaj la manoj malfermiĝis.

Ekde multaj jaroj mi proponis paroli pri Esperanto; vane; do mi havis paroladon hejme sed nur ses personoj venis.

Venontan merkredon okazos alia U3A-renkontiĝo, kun aliaj personoj; do mi denove montros la ĉarman Ŝlosilon.

Kaj mi sugestis al la estrarino ke, venontan semestron, eble ni povus havi sesion kiam dekdu personoj parolos po 10 minutoj pri tio kio interesas ilin : Germana lingvo, Itala lingvo, la Franca, Esperanto, muziko, krucvortenigmoj, historio, ktp... esperante ke multaj deziros ĉe-esti. Ŝi ŝatis la ideon.



Kompreneble, ni ne estas tre junaj sed ni havas pli junajn parencojn kun kiuj ni povas paroli pri Esperanto.

Ĉion bonan, Henriette Vanechop

# NASK raporto 31/07/14

La ĉi-jara Nord-Amerika Somera Kursaro, NASK, estis bonega afero.
Ĝi okazis ĉe la Universitato de Viktorio sur Vankuvera insulo de 29 junio ĝis 8 julio.
Sesdek kvin partoprenantoj venis el Kanado, Usono, Meksikio, Japanio, Tajvano kaj Aŭstralio.
La instruado okazis ĉe tri niveloj kaj estis farita de Ĵenja Bondelid el Usono, Hiroyuki Usui el Japanio kaj Istvan Ertl el Hungario.
Liĉio Miller, Usono, kunordinigis la aferon kun Ellen Eddy kaj Hoss Firooznia.

Kiel ofte okazas ĉe Esperanto-eventoj, matene okazis lecionoj kaj posttagmeze kaj vespere estis aliaj eventoj kiel prelegoj, ekskursoj, filmoj…
Ekzemple, du lernantinoj el Japanujo elmontris la Japanan te-ceremonion.
Ŝajnas ke la instruado je ĉiuj niveloj estis bonega kaj la reputacio de NASK restis senmakula!!



La organizanta komitato faris bone ĉar la loko estis belega, la tranoktado kun ĉiuj kursanoj en unu dormejo estis tre komforta kaj taŭga.

Vere, NASK estis valora sperto kaj mi rekomendas ĝin al ĉiuj.

Gerry Phelan, Centra marborda klubo

# UK en Bonaero



Mi trovis sur Fejsbuko foton de Esther Parris ĉe la libroservo de la UK en Bonaero.

Amike, Nicole

# Raporteto pri La Universala Kongreso en Bonaero




Sep aŭstraliaj esperantistoj partoprenis la UK-n en Argentino. La nombro de la partoprenantoj estis iom pli malalta ol kutime (iom pli ol 700) sed estis proporcie pli da junuloj tiel la etoso estis tre energia.

Ankaŭ Argentino troviĝas en la Suda Hemisferio, tiel estis vintro tie same kiel en Aŭstralio. La bonaera vintro similas al la melburna. Bedaŭrinde la vintraj

malvarmumaj virusoj estis tre viglaj tiel multaj partoprenantoj, ankaŭ mi, iom malsaniĝis. Bonŝance ne estis tre grava gripo nur iom da tusado kaj gorĝodoloro.




Mi ekskursis ĉiutage. La ekskursan tagon, merkredon Esther, Heather kaj mi veturis al Colonia de Sacramento, Urugvajo. La vetero estis perfekta, sunis kaj estis sufiĉe varma.

Bonaero havas multajn teatrojn. La plimulto troviĝas en avenuo Corrientes. La aŭstralitema musikalo, Priscilla, la reĝino de la dezerto estis en la programo en iu teatro. Heather kaj mi rigardis ĝin jaŭde vespere kaj ni bonege amuziĝis.

Sandor Monostori




## Esperanto-Domo Sidnejo

## E-klaso por komencantoj

- 12.00ptm, Dimanĉon 10an de Aŭgusto 2014
- Esperanto-Domo, 143 Lawson St, Redfern
- Instruisto : Richard Delamore

NEW MEETUP

**Esperanto Study Day** **E.D.** Dimanĉon 10an de Aŭgusto 12:00 TM

- Added by Dmitry

## EFNSK AGM (Jarkunveno) 24/08/14 E.Domo

## Informu niajn legantojn pri novaĵo el via klubo Diskonatigu vian klubon en Aŭstralio kaj la mondo.

# .AEA Informas

Aŭstralia Esperanto Asocio
ACN 121 495 789 C/- G.P.O. Box 2122, Melbourne 3001

## 2014-08-07 AEA raportas:

Nian lastan Skype estrarkunvenon (07/08/2014) ĉeestis
Indrani, Jonathan, Kam Lee, Margaret kaj Sandor

*** NIA RETEJO**
Nia nuna retejo ofte malfunkcias. Estas tempo adiaŭi "Webcity". Ni konsideras trovi alian lokon/kompanion (webhost) por nia retejo. Jonathan kontaktos Jim por eksplori.

*** PAGO AL ESPERANTO TV**
Ni pagu $ 1,500 al Esperanto TV kaj la reston ($1,500) post la reveno de Heather.

*** VENONTA KONGRESO EN 2015 EN MELBURNO**
**Instruistoj:**

- Ilia el Indonezio
- Rikardo el Adelajdo
- Trevor Steele

**Antaŭkongresaj ekskursoj ???** Indrani ŝatas la ideon. Kion vi pensas?

*** ESK**
Ekde nun ni **kune** kontrolas la artikolojn. Kontrolu: google.docs: septembro, decembro

*** ARKIVOJ**
Kelkaj teknikaj problemoj. Ni havas la bretojn, sed malfacilaĵon finfiksi ilin.

*** KOMPANIO > ASOCIO**
Ĉu ni ankoraŭ estas kompanio? Iomete da konfuzo. Heather klarigos.

La venonta Skype estrarkunveno okazos jaŭdon, la 21-an de aŭgusto, je la 19:00 (18:30)

Kam Lee, Indrani, Jonathan, Margaret, Sandor

# la Universala Kongreso en Bonaero

Oni povas aŭskulti la Solenan Inaŭguron de la Universala Kongreso en Bonaero surrete. Heather Heldzingen salutis la partoprenantojn nome de la aŭstraliaj esperantistoj.
https://archive.org/details/20140727EoUKo2014SolenaInauguro
Amike, Nicole